# Ok jaroj de nomadismo ĉirkaŭ la mondo

## Iom pri la prelego farota de Maryvonne kaj Bruno ROBINEAU la 13an de majo en Le Mans okaze de la IFEF-kongreso.

En iu bela tago de 1985, Maryvonne kaj Bruno ROBINEAU forlasis sian lakto-farmobienon. Animataj de nesatigebla scivolo vivi la kondiĉon de fremdulo, ili forlasis la kampojn por vojaĝi ĉirkaŭ la mondo.

Maryvonne kaj Bruno decidis interesiĝi pri la vivo de la popoloj tra kampara mondo. Interŝanĝante sian laboron kontraŭ gastigo kaj nutrado, ili tiel renkontis ĉiutage homojn dividante vivparton kun ili.

Helpataj en ĉi-tio per la internacia lingvo Esperanto, vera sezamo por la renkontoj, Bruno kaj Maryvonne vojaĝis dum ok jaroj tra la kulturoj kaj agrokulturoj de dek-kvin landoj.Tiu konferenco miksos parton de dokumentaro pri kvar landoj, kun la vojaĝaventuro t.e. bon- kaj malbonfortunoj de la petveturantoj, vivdanĝero en Gvatemalio, revinda restado ofertita en luksa hotelo.....




**RENKONTE AL TEROJ KAJ HOMOJ**
***Aventuron kun homan vizaĝon prezentos Bruno kaj Maryvonne en Le Mans***

*Eblas aĉeti la libron (227 paĝoj) kontraŭ 150FRF (afrankite) ĉe la aŭtoroj : Bruno kaj Maryvonne Robineau - Le Moulin Boireau - FR 49 270 Landemont*

**Frontpaĝo : Kastelo de Saumur speguliĝas en Luaro-riverego (celo de vizito dum la 51-a IFEF-kongreso).**

## Enhavo




# 51a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**8a-15a de majo 1998 en Le Mans Francio**

Adreso : 51a IFEF-kongreso
U.A.I.C.F.
7 rue du Château-Landon
FR-75 010 Paris

Poŝtĝirokonto :
*Nomo* : **Ass française des cheminots pour l'espéranto**
*Numero* :**5214 - 35H** *Centro* : **Paris** *Indiko dorse* : **51a IFK en Le Mans**

**LKK Komuniko n-ro 4 pri 51a IFK**

***Pago pere de Eŭroĉekoj***
***Grava atentigo***
*Laŭ la lastaj informoj ricevitaj de la poŝt-kaj bank-oficejoj, oni sciigas, ke la uzado de "Eŭroĉekoj" postulas* ***altan elspezon*** *de la sendantoj kaj de la ricevantoj. Pro tio, ni konsilas se eblas,ne uzi tiun sistemon.*
***Bonvolu vin informi en via bank/poŝtoficejo.***

# IFEF-Kongreso en Le Mans
# FFEA kaj LKK deziras bonvenon al ĉiuj

Mi salutas vin ĉiujn. Estu varme bonvenaj. Ni esperas, ke via restado plaĉos al vi. Ne nur en viaj kongresaj laboroj, sed ankaŭ okaze de la altvaloraj ekskursoj kaj distraj partoj, kiujn la organizantoj kaj la Mans-anoj starigis por vi.

Por la 4-a fojo, Francio akceptas IFEF-kongreson. Ni havis la honoron prizorgi la 3-an en Parizo (1951), la 21-an en Avignon (1969), la 40-an en Perpignan (1988). Laŭdire, la ĉeestintoj de tiuj francaj kongresoj kunportis neforgeseblajn memoraĵojn. Do, ni estas devigataj konservi la tradicion. (Sufiĉe da indaj tradicioj kaj kutimoj malaperis/as nuntempe. Almenaŭ ni, esperantistoj ni konservu la niajn : amikecon, neŭtralecon, toleremon, amon de la aliaj, ktp.). Pro tio, dum monatoj, la organizantoj cerbumis cele havigi al vi, karaj kongresanoj, kiel eble plej taŭgan restadon.

Notinde estas la malavaraj apogoj, kiujn ni ricevis fare de CCE (Entreprena Centra Komitato), kaj de UAICF, (Arta kaj intelekta Unio de la Francaj Fervojistoj ).

La LKK de tiu 51-a IFEF-kongreso elektis la urbon LE MANS pro diversaj motivoj. Kvankam ne centra urbo, LE MANS estas tre facile atingebla : apenaŭ unu horo da veturado per TGV de Parizo

por alveni en tiun belegan regionon tiel nomatan "Alpes Mancelles", en esperanto : "Mansaj Alpoj". En la urbo mem, vi povos viziti mez-epokajn kvartalojn, malnovajn preĝejojn, muzeojn, ktp... Aliparte, cele ne tro lacigi vin, kaj ŝpari maksimume vian tempon, ĉiuj aranĝoj okazos en la kongresejo, tio estas en la kongreso-palaco. La programon pri eskursoj vi povos detale legi en la libreto "invito", kaj pri tio mi ne aldonos pli. Vi mem juĝos surloke ! Tio tute ne signifas, ke vi devos alporti vian atenton nur al tiuj programeroj. Ne, estas tempo por ĉio !, kaj ne forgesu, ke ni havos diversajn laborkunsidojn, kie gravaj problemoj pri la estonto de nia movado kaj de nia federacio estos pritraktitaj.

Ĝis nun, Esperanto ne sukcesis, kiel ni ege dezirus, amase eniri en la fervojistajn mediojn. Do, ni povos esperi, ke laŭ sia amplekso, sia seriozeco, sia interesiĝo, nia 51-a kongreso kapablos malfermi la okulojn de la skeptikuloj kaj kontraŭuloj, ĉu en la oficialaj medioj, ĉu inter la fervojistoj, same nacie kiel internacie.

La organizantoj, pere de sia plej bona volo, deziras proponi al ĉiuj agrablan semajnon, kaj havi, kun la helpo de ĉiuj, fruktodonajn laborojn. Se ni trafos tiujn du celojn, vi donos al ni grandan ĝojon.

Lastan deziresprimon : iom da suno en la ĉielo, varmon en viaj koroj, kaj ĉiuj, kune, ni travivos riĉajn momentojn okaze de tiu 51-a IFEF-kongreso.

Koran bonvenon al ĉiuj.

*Pierre ROBIOLLE*

Honora Prezidanto de LKK

***Kongreskotizoj***

Cele al nesankcii la malfruajn aliĝontojn, la kongreskotizoj uzeblaj ĝis la unua de februaro ankoraŭ nun validas.

**Atentu :**

Post la 1a de aprilo, LKK traktos sengarantie la aliĝilojn

**Trajnhoraro inter Parizo (Montparnasse) kaj Le Mans**

| Foriro el Parizo | Alveno en Le Mans | Por TGV krompago por rezervado de sidloko (devigata) |
|---|---|---|
| 7h15 | 8h11 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 8h20 | 9h14 | 55 FF en dua klaso / 85 FF en unua klaso |
| 9h50 | 10h44 | 55 FF en dua klaso / 85 FF en unua klaso |
| 11h25 | 12h19 | 55 FF en dua klaso / 85 FF en unua klaso |
| 12h20 | 13h14 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 13h50 | 14h46 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 16h30 | 17h24 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 17h24 | 19h50 | Ne estas TGV |
| 17h40 | 18h34 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 17h55 | 18h49 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 18h45 | 19h39 | 10 FF en unua kaj dua klaso |
| 20h50 | 21h46 | 10 FF en unua kaj dua klaso |

# Tagordoj por la estrarkunsidoj de la 51-a IFEF-Kongreso

**Kunsido Estraro/Komitato (nepublika) 10/05/1999**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongrespropono(j)
3. Diskuto kasraporto-bilanco 1998 / buĝeto 1999
4. Diskuto, analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto venontaj kongresoj
6. Analizo eksteraj rilatoj
   6.1. UEA
   6.1.1. U.K. - Faka kunveno
   6.1.2. Kampanjo 2000
7. Eventualaĵoj

**Plenkunsido (publika) 11/05/1999**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo al la mortintoj
4. Raportoj estraraj
   4 2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. Protokolo Aalborg (DK)
6. Kongrespropono(j)
7. Raporto ĉefkomitatano
8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
   8.1. Gvidanto
   8.2. Sekretario de 1a Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio
9. Raportoj de la komisiitoj
   9.1. Skisemajno (IFES) 1999
   9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
   9.3..Komitatano ."A" por IFEF ĉe UEA
10. Resumo de jarraportoj 1998 el la landaj asocioj
11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
12. Buĝeto 2000 kaj kotizkonfirmo
13. Rilatoj kun aliaj organizoj
   13.1. UEA
   13.2. FISAIC
14. Venontaj kongresoj
   14.1. Konfirmo de invito al la 52-a IFK (HU) 2000
   14.2. Elekto de lando por 2001, la 53-a
   14 3. Diskuto pri pluaj eblecoj
15. Venonta IFES 2000 kaj 2001
16. Eventualaĵoj
17. Libera diskutado

# Kongrespropono(j)de la 51-a IFEF-Kongreso

En limdato la Ĉk ricevis nur **unu proponon.** Nome de GEFA, la prezidanto Joachim Giessner proponas :

"Dum prilaboro de historio-suplemento por la IFEF-historio mi rimarkis, ke la kolego Gernot Rittersparch, kiu mortis la 13an de januaro 1990, ne estas nomumita Honora Membro de IFEF. Simple forgesita. Sen li ni ne havus nian Terminaron !! Jam, tio estas okazo por honori lin postmorte. Sennombraj aliaj kaŭzoj ekzistas, sed ŝajnas al ni superflue, ilin ĉiujn elfosi.Flanke de FISAIC li estas honorita per la arĝenta kaj ora medaloj.

**Alia sugesto** alvenis rekte de REFA al la redaktoro. Jen la sugesto.

Ĉar la individuaj membroj de TEJO konsistas el la individuaj membroj de UEA malpli ol 30 jaraĝaj, eĉ delegito junulara estas minimume 16 ĝis maksimume 30-jaraĝa ; nome de REFA la prezidanto inĝ Mihai Stefan petas la estraron de IFEF klarigi kaj konsideri junulo, tiu, kiu estas maksimume 30-jaraĝa kaj tuj korekti en aliĝiloj senditaj por doni impulson grandigi la nombron de la junularo kaj plenumi la enhavon menciitan en cirkulero Kampanjo 2000.

# Jarraporto de la sekretario Jaro 1998

**Antaŭrimarkigo**
La agadperiodo de mia persono kiel sekretario komenciĝis dum la 50a jubilea IFEF-kongreso en Aalborg (DK). Mia jar-raporto sin apogas en la ordo de tiuj de la lastaj jaroj por garantii la kontinuon je la kutima maniero. Ankaŭ ĉifoje vi povas trovi pli detalajn informojn sub *Resuma raporto de la landaj asocioj*
(IF 5/98 p.72-74 kaj 6/98 p. 89-91 )

**Niaj mortintoj**
Listo de malaperintoj estos legata dum la plenkunsido en Le Mans.

**1. Membrostato**
La aktualan membrostaton vi trovas en IF 5/98 p. 72

**2. Interna laboro**

**2 1. Estrarkunvenoj**
La estraro unufoje kunvenis en Plan Val Gardena (IT) septembre (ne ĉeestis Ĉk). La densajn tagordojn oni traktis tre kun-labore kaj konstrue.

**2.2. Ĉefkomitatano(j)**
Ili ambaŭ plenumis akurate siajn mult-flankajn taskojn; i.a. oni forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jar-raportoj por la resumo de la Vp.Kune kun Rd ili daure ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj

**2.3. Vizitoj**
Ankaŭ en 1998 la estraranoj partoprenis en kelkaj aranĝoj. Menciindas ĉefe la tuta "Semajno pri kulturo" en Plan Val Gardena organizita de la itala landa sekcio (DLF) de FISAIC, en kiu, por la tria fojo partoprenis grupo de gesamideanoj (13). Estis prelegoj, vizitoj kaj aliaj aranĝoj. La Vp ĉeestis la ĝeneralkunvenon de la FISAIC-estraro en Balatonboglár (HU), fine de septembro, kie oni akceptis, ke nia 52-a IFK okazu en Budapeŝto (HU).

**2.4. Evoluo en kelkaj landoj**
Malbonŝance la membro-nombro de preskaŭ ĉiuj landaj asocioj montras malkreskon. La kaŭzo estas ne nur la ĝenerala malkresko de fervojaj dungitoj. Ankaŭ la malboniĝantaj financaj kaj ekonomiaj situacioj en kelkaj landoj bremsas nian evoluon. Draste malkreskis la membro-nombro kaj, maljuniĝas la membraro, kio signife malfaciligas trovi posteulojn por gvidanto-pozicioj en nia asocio.

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda Servo**
S-ro Sorin PORUPKA (RO) daŭre zorgas pri tiu helpservo.

**3.2. Junularo**
Nur ĉinio kaj Rumanio havas memstarajn junulgrupojn. Multaj landaj asocioj ne havas gejunulojn.

**3.3. Faka Komisiono**

**3.3.1. Terminara Sekcio**
En 1998 daŭris la agadoj precipe por la tria versio de CD-ROM diskedo oficiala de UIC. Kvinlingva terminaro de kombinita transporto aperis en Beogrado dank' al nia K-go d-ro Gvozden SREDIĈ (YU).

**3.3.2. Fak. Aplika Sekcio**
Inĝ. Ladislav KOVÁR (CZ) en 1998 kompilis kontribuaĵojn por la sepa "Fervojfakaj Kajeroj".

**3.4. Fervojista kontaktkunveno dum la 83a UK**
En Montpeliero (FR) okazis fervojista kunveno, kiu kiel kutime estis gvidata de Vp. István GULYÁS (HU). Ĝin partoprenis 71 personoj el 18 landoj, inter ili k-go N0BUKI (JP) kaj Elfriede KRUSE (DE). Rd Jean RIPOCHE (FR) kaj d-ro Josef HALÁSZ prezentis du fakprelegojn. Krome, Rd RIPOCHE gvidis grupon al la regejo de la stacidomo de Montpeliero. Laborplano kadre de "Kampanjo 2000" estis transdonita al

d-ro Renato CORSETI (IT). Menciindas la elekto de d-ro Petro CHRDLE (CZ) kiel respondeculo pri fakaj aferoj en UEA.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF Skisemajno**

La 29-a IFES sukcese okazis en Maribor (SI). Ĉeestis 40 personoj el 9 landoj.

**4.2. IFK ( IFEF-Kongreso)**

La 50-a jubilea IFK okazis 16-22.05.98 en Aalborg (DK). Ĉeestis 263 partoprenantoj el 21 landoj.

Jen la plej gravaj eventoj :

a) Ĉiuj aranĝoj okazis en Aalborg Kultur kaj Kongrescentro, nia kongresejo.

b) Dum la inaŭguro la vicurbestro Peter RAINAU salutis parte en Esperanto, krome salutis la loka DSB-ĉefo Knud Erik BENDIXEN kaj por FISAIC ĝenerala prezidanto Gilbert SCHMIT (LU). Por la unua fojo ĉina kolego salutis nin.

c) Post la inaŭguro, sub gvido de vicurbestro, estis plantita en parko antaŭ la kongresejo, kverka arbo.

d) Dum la plenkunsido estis elektita nova estraro. La ĝisnuna sekretario Romano BOLOGNESI (IT), fariĝis prezidanto, kiel nova sekretario ekfunkciis Ernst QUIETENSKY (AT), la postenon de la redaktoro transprenis la ĝisnuna ĉefkomitatano Jean RIPOCHE (FR), dume, la vicĉefkomitatano Jindrich TOMIŠEK (CZ) transprenis la taskon de RIPOCHE. Kiel nova vicĉefkomitatano estis elektita Magdalena FEIFIĈOVA (SK).

e) Ĝisnuna prezidanto Per ENGEN (NO) estis nomumita "Honorprezidanto", s-ino Erna HAUGE (DK) "Honora Membro".

f) K-go E. Henning OLSEN (DK) prezentis la fakprelegon " La Firma konekso trans la Sundon", krome, estis prezentitaj diversaj interesaj "Fervojaj fakprelogoj / aktualaĵoj.

g) Okazis interesaj ekskursoj, duontaga al ĉefe liberĉiela muzeo kaj tombejo *Lindholm Hoje* kaj tuttaga al la plej norda punkto de Jutlando *Skagen,* kie renkontiĝas la Kategato kun la Norda Maro.

h) En ĉarma distra programo nin amuzis Groenlanda koruso de Inuitoj, Vira Koruso "Memfiduloj", kiu parte kantis en Esperanto, kaj kelkaj samideanoj el Rumanio kaj Ĉinio. Ankaŭ dum la tradicia balo distris nin rumana kolego.

i) Menciinda estas la fakto, ke ĉiuj gekongresanoj estis bonvenigitaj en urba konsilio.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboro, inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. IFEF estas la plej vasta kaj unu el la plej bone organizitaj fakaj esperantistaj membro-asocioj de UEA.

**5.2. FISAIC**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas tre bonaj. Oni daŭre uzadas Esperanton danke al la francaj gekolegoj.

**Fina komentario**

La malkresko de nia membraro iom malpliiĝas, tamen ne estas kaŭzo por malaltigi niajn klopodojn, ĉar tio estas nur relativa kompare kun la pasintaj jaroj. Ni absolute ne povas esti kontentaj vidante tiun evoluon. La ĝenerala situacio de la fervojoj eĉ akriĝis, la nedungo kontinuas. Aliflanke, nia faka agado akiris ekstermovadan agnoskon. Ĵurnalo por kunlaborantoj de la aŭstra fervojo aprezis en artikolo nian fakan kaj kulturan agadon. Ni servas, kiel ponto inter la tutmonda kolegaro, kaj tio devas esti akceptita ekstermovade, kiel kontribuo al reciproka kultura kompreniĝo kaj sekve al paca evoluo de homaj interrilatoj.

Vieno, januaro 1999
Ernst QUIETENSKY, Sekretario

# La fervojista movado aĝas 90 jarojn

En la Universala Kongreso 1909 en Barcelona : 11 fervojistoj el 6 landoj sub gvidado de la franca A.Berlande fondis la unuan Esperanto-organizon fervojistan sub la nomo "Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj" (IAEF).

*Unua periodo.*

Ĝi daŭris ĝis la fino de la unua mondmilito. Sub daŭre ŝanĝantaj prezidantoj la membro-nombro atingis 227 en la jaro 1913. Jam en 1910 oni kreis propran organon kun la nomo "Fervoja Esperantisto". Unu el la celoj de la asocio jam tiam estis, krei terminaron, kiu tamen ne realiĝis. En la Universalaj Kongresoj (UK) la fervojistoj aparte kunvenis. La mondmilito haltigis ĉion, sed ne povis detrui la ideon.

*Dua periodo*

Tion oni povis konstati, kiam en la jaro 1919 en kelkaj landoj ekĝermis nova fervojista agado, kiu en la 13a UK 1921 en Praha rezultigis restarigon de IAEF sub germanĉeĥa estraro. Estas notinde, ke en la sama jaro la finna horaro enhavis Esperanto-klarigojn por pasaĝeroj, kio ripetiĝis ĝis 1949. Entute, la asocio tamen stagnis, ĉar la ĝeneralaj vivkondiĉoj en Eŭropo tiam estis malbonegaj. Nur en 1924, kiam du kolegoj el Jugoslavio, Stojnić kaj Puhalo, transprenis la gvidadon, IAEF revigliĝis. Denove aperis internacia revuo, nun sub nomo "La Fervojisto", en kiu krom altkvalitaj fakaj artikoloj troviĝis eĉ kolektaĵoj de terminoj. 1923 G.Habellok (Germanio) eldonis terminareton, la unuan entute. Ekzaktajn ciferojn pri la membrostato ni ne konas el tiu tempo, verŝajne ĉirkaŭ 300 en proksimume 20 landoj. Ankaŭ novan statuton la asocio tiam starigis, en kiu ekz. oni deklaris, ke " viroj kaj virinoj estas egalrajtaj ". La administrado estis tro burokrata kaj multe superis la fortojn de la sekretario. Pro manko de kunlaboro, tempo kaj mono, la revuo aperis tre malregule, kio kaŭzis ofte ĉagrenon ĉe la membroj. Anstataŭ landaj estraroj ekzistis t.n. asesoroj. En 1929 la revuo prezentis fotojn de 20 asesoroj.

Pro grava malsano de Puhalo la gvidado pli kaj pli lamis, ĝis fine en 1930 la internacia organizo kolapsis. Kelkaj aktivuloj, ĉefe svedoj kaj svisoj, tamen savis la "Esperanto-vivon" tiamaniere, ke 1931 en la SAT-kongreso Amsterdam ili fondis Esperanto-organizon en la kadro de la sindikata " Internacia Transportlaborista Federacio" (ITF). Tiel, ili kapablis funkciigi kunvenojn en la SAT-kongresoj kaj eĉ lingve enpenetri en tiun potencan sindikatan organizon. Ĉio tio kompreneble signifis perdon de la propra sendependeco. Sed ankaŭ tion detruis la furiozaj ŝtormoj de diktatorecaj reĝimoj kaj la dua mondmilito.

*Tria periodo*

Tamen kiel fenikso el la cindro tuj post la fino de la milito, nederlandaj kolegoj kolektiĝis en sia lando. Poste, ili renkontiĝis kun francaj fervojistoj el kio rezultiĝis restarigo de pure fervojista internacia federacio, la nuna IFEF. Tio okazis la 4an de aŭgusto 1948 en Amsterdam kun 60 gekolegoj el 5 landoj sub prezidanto W.Stapel. La "motoro" de tiu, nun tute sendependa federacio, fariĝis ties sekretario J.Lok. Komence la federacio havis 3 landajn asociojn kaj 250 membrojn, sed en 1950 jam estis 7 asocioj kaj 560 membroj, en 1955 = 1700,

en 1958 = 2000. Kulmino estis atingita en 1970 kun iom pli ol 3000 membroj. Nur personoj, por kiuj estis pagita la jarkotizo, estis konsiderataj "membro". Pro konataj kaŭzoj en multaj landoj ne eblas pagi en valuto. Fakte la imageblaj membrociferoj povus esti multe pli altaj. Preskaŭ ĉiuj IFEF-membroj estas aliĝintaj membroj pere de siaj nun 24 landaj asocioj.

Karakterizaj por la nova federacio estis striktaj neŭtraleco, sendependeco kaj demokrateco, tiel ke fervojistoj kun ĉiu ajn mondkoncepto povis aliĝi. Kaj miraklo okazis, kiu pli frue neniam eblis : ekde 1949 IFEF kapablis aranĝi ĉiun jaron internacian kongreson. Denove la terminaran laboron oni rigardis grava celo. Jam en la dua IFEF-kongreso 1950 fondiĝis Terminara Komisiono (TR). Krome, oni starigis unuan koncizan regularon, al kiu dum la jaroj sekvis pli detalaj regularoj, poste statutoj. Laŭ tiuj statutoj iom post iom estis fiksita la hodiaŭa "regadformo" de IFEF, nome kvinkapa estraro (plenumanta registaro), kiu estas respondeca antaŭ la komitato (leĝdona parlamento). Tiamaniere demokrata gvidado estas garantiita. Kiel administra kaj konsilanta "krampo" inter estraro kaj komitato funkcias ĉefkomitatano.

En la IFEF-kongreso 1953 la unuan fojon post la milito eblis, prezenti fervojan horaron (germanan) kun klarigoj por la pasaĝeroj. Kelkajn jarojn poste sekvis la fervojoj de 8 aliaj landoj (BG, CS, DK, HU, IT, YU, NO kaj PL). 1955 Francio prezentis terminareton kun 5 000 ĉefe teknikaj terminoj, valoran rezulton de tiu speciala laboro.

Jen kelkaj vortoj pri federacia organo. Ĝi aperis sub titolo "Bulteno" en septembro 1948 en stencilita formo, ĉefe kiel informilo por aktivuloj. Ekde 1950 ĝi aperis sesfoje jare laŭ rotaprinta metodo kaj por ĉiuj membroj. Ekde 1957 ĝi estis presita, ekde 1958 subnomo "La Internacia Fervojisto", ekde 1970 kiel "Internacia Fervojisto". La ekstera formo kaj ankaŭ la redaktejoj kelkfoje ŝanĝiĝis laŭ aktualaj cirkonstancoj. La eldonkvanto daŭre estis adaptita al la membro-nombro.

En 1958 komenciĝis nova periodo en la federacia gvidado. Estis elektita K.G.J. de Jong (NL), kiel prezidanto, kaj samtempe ekkreskis la intenco, internaciigi la estraron. Tio okazis la unuan fojon en 1964, kiam O.Walder (CH) estis elektita vicprezidanto. En 1960 la estraro definitive fariĝis internacia sub la prezidanteco de J Giessner (DE).

En la impona laŭ nombro de partoprenantoj kaj aliaj kaŭzoj, kongreso 1962 (Budapeŝto) maturiĝis la ideo, fondi Junularan Sekcion de IFEF, kiu praktike ekagis baldaŭ poste. Jam en la sekvinta vintro la junularo aranĝis la unuan internacian fervojistan skisemajnon (IFES).

Tamen pro diversaj kaŭzoj la aktivecoj dum la postaj jaroj iom post iom malfortiĝis. Mankis kaj gvidantoj kaj junuloj. Sekve en 1977 la Junulara Sekcio devis estis "ripozigita".

***Eksteraj rilatoj.***

Pli kaj pli evoluis rilatoj inter IFEF kaj aliaj organizoj. Tio okazis unuavice kun UEA, nome en 1953 kiel kunlaboranta faka asocio, ekde 1966 kiel aliĝinta faka asocio. Tio donas al IFEF la rajton, esti reprezentata ĉe UEA pere de komitatano A. Same en 1953 IFEF fariĝis sub-tenanto de SAT.

Krome, jam ekde la kvindekaj jaroj unuopaj IFEF-aktivuloj intensive kunlaboris kun FISAIC (Federacio internacia de kulturflegantaj Fervojistoj) kaj konsiderinde subtenis ties klopodojn por fondi novajn landajn FISAIC-sekciojn. La plej multaj landaj asocioj de IFEF havas lokon

inter aliaj kulturaj organizoj de fervojistoj en la respektivaj landaj sekcioj de FISAIC. Rekta membreco de IFEF en FISAIC ne eblas laŭ ties statuto. Ekde 1967 (Fulda) la IFEF-Kongresoj okazas sub aŭspicioj de FISAIC. Vico da plej aktivaj sur internacia nivelo IFEF-membroj ĝis nun ricevis FISAIC-medalojn kiel plej altan agnoskon flanke de tiu kultura fervojista organizo. Krome, kunlaboro ekzistas kun la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno.

Malgraŭ multaj klopodoj, la Terminara Komisiono (TK) ĝis 1965 ne sukcesis starigi la sopiritan terminaron. Tial, unuopaj landaj asocioj, eldonis proprajn naciajn terminaretojn.Komencis Germanio en 1966, kaj sekvis en la postaj 10 jaroj laŭ vice HU, NO, YU, NL, SE kaj FR. Nur post 1976 la plano pri kompleta terminaro denove ekmaturiĝis. Helpe de memredaktita "Terminara Kuriero" la germana kolego D.Hartig konsiderinde aktivigis kaj kunordigis la agadon de TK. Pro la oferema kunlaborado de la anoj de TK kaj precipe de G.Ritterspach kaj ties treege helpaj rilatoj al UIC en Parizo dum deko da jaroj, la plano, pri kiu revis IFEF-anoj jam en frua tempo, fariĝis realeco. La IFEF-terminaro kun pli ol dekmil terminoj estis preta.

Al la pure terminara laboro aldoniĝis dum la tuta ekzistado de la fervojista movado tradukoj de internaciaj fervojaj reglamentoj kaj konvencioj.

Ankaŭ la Fakprelaga Komisiono (FK) ĉiam fosis sian sulkon. La fakprelegoj en la kongresoj, kiuj okazis kutime kun helpo kaj konsiloj flanke de la FK, fariĝis plej seriozaj programeroj, al kiuj ofte estis ligitaj fakaj vizitoj de fervojaj instalaĵoj. Sed ankaŭ en UK-oj, en kiuj de kvaraj jardekoj regule okazis specialaj fervojistaj kunvenoj, ĉiam estis ankaŭ aranĝitaj fakprelegoj.

Menciinda estas modesta, sed efika interna institucio, nome la Koresponda Servo, kiu funkcias ekde 1975. Sen multe da bruo ĝi peras multajn kontaktojn translimajn.

Jen necesas prilumigi la pasintajn 10 jarojn, ĉar dum ili IFEF devis majstri antaŭe nekonatajn problemojn. En 1989 unue Germanio, poste multe da aliaj eŭropaj ŝtatoj estis skuitaj de pli malpli "dolĉaj" revolucioj. Iliaj ĝeneralaj kaj komunaj sekvoj estis unuflanke pozitivaj, ĉar ili donis eblecon pri demokrata politiko, libera pensado kaj vojaĝoj. Sed negative ilin akompanis manko da enspezoj, kreskanta senlaboreco kaj profitema pensmaniero. Por la plej multaj asocioj de IFEF, tio havis severajn konsekvencojn. Preskaŭ ĉiuj perdis membrojn, kunvenejojn, subvenciojn, tiel ke IFEF fine de 1997 havis nur ankoraŭ 1461 membrojn. Eĉ malaperis du okcidentaj landaj asocioj, aliaj ekvegetas ; kompreneble novaj asocioj aliĝis al IFEF el ŝtatoj, kiuj pro politikaj kaŭzoj nove estiĝis. Tio tamen ne helpis pozitive influi la membro-staton. Eĉ fariĝis malfacile trovi funkciulojn por estraro kaj komisionoj.

Tial, ekzemple en 1992/93 devis esti unuigataj la Terminara kaj la Fake Aplika Komisionoj en unu "Faka Komisiono" kun du sekcioj. Kaj en 1999 ĝia organizformo denove devis estis ŝanĝata. Detalojn pri tio estas legeblaj en la Historio-suplemento aperinta en 1999. La ĉiam bonaj rilatoj al FISAIC en la pasintaj jaroj povis esti eĉ pli fortigitaj. Ekde 1967 FISAIC regule sendis reprezentanton al la IFEF-kongresoj.

Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj IFEF sukcesis aranĝi siajn ĉiujarajn internaciajn kongresojn ekde 1949, kvankam la nombro de kongresanoj

konsiderinde ŝrumpis. Sed, kaj la faka, kaj la kultura niveloj konservis siajn valorojn.

**Perspektivo**

Bedaŭrinde la plej akra kaj danĝera problemo, nome la evoluo de la membraro, apenaŭ estas influebla. Temas ja pli ĝenerala fakto ne nur en multaj kluboj kaj societoj, sed eĉ rilate al tutaj popoloj. La tiel nomata "aĝo-piramido" klare ŝanĝas sian aspekton. Por IFEF kaj plej multaj el ĝiaj landaj asocioj tio signifas daŭran plialtiĝon de la emeritula procentaĵo. Ĉiuj asocioj, de jaroj, klopodegas kontraŭi tiun evoluon, sed ĝis nun vane. La privatigo de la plej multaj fervojoj eĉ progresigas tiun negativan procedon, kies fino ne estas ekkonebla. Restas nur la espero, ke la Esperanto-movado kaj kun ĝi IFEF kapablos travivi tiun minacan epokon, same kiel tio okazis kelkafoje. Ĉar la interna ideo de Esperanto, kvankam primokita, donis kaj donas al la lingvo ne imageblajn fortojn. Krome, la bezono je interliganta lingvo pli kaj pli kreskas. Ĉu rilate al tiu komuna lingvo Esperanto ludos sian rolon, de tio i.a. ankaŭ dependos la sorto de IFEF. Tamen multon ĉiu unuopulo inter ni povos kontribui al plua ekzistado de IFEF. Tio estas honora tasko por ĉiu IFEF-ano. Kaj neniu estas tro aĝa por okupi sin pri tiu tasko.

*JoachimGiessner*

*Honora Prezidanto*



# Rapideco de ĉina vartrajno : 136 km/h

La rapido de ĉinaj fervojoj kreskas iom post iom por konveni al la disvolviĝo de la ĉina ekonomio. Lasttempe la rapida kontenera vagonaro veturas sur la linio de Beijing al Guangzhou kun la plej alta rapido : 136 km/h, kaj kreis la novan rekordon de la rapido de nunaj ĉinaj vartrajnoj

Dank'al la boĝioj, kies framo estas veldita kaj movebla H-forme gisŝtala, la rapideco povas atingi 120 km/h. Ili estas fabrikitaj en la priboĝiaj uzinoj de Zhuzhou kaj Beijing ERQI. Ili estas eksperimentaj kaj ekspluatitaj sur la ĉinaj linioj.

La parametroj en la eksperimento montras, ke elreliĝa koeficiento, akcelo, dinamika intenso kaj aliaj ĉefaj teknikaj normoj de la boĝioj je la rapido de 120 km/h estas plenumitaj en la projekta postulo. Tio tute kontentigas la bezonon de rapida transporto de la kontenera platforma vagonaro kaj la altigo de rapideco de vartrajnoj en Ĉinio.

*De HAN Zuwu, vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

# Sukceso de la trajnoj Thalys

Intereso pri vojaĝado per grandrapidaj trajnoj Thalys, kunligantaj Parizon, Bruselon, Amsterdamon kaj Kolonjon (apud Rhein) konstante kreskas. Dum dudek monatoj depost komenco de la trafiko (junio 1996 ĝis februaro 1998) veturigis rapid-trajnoj kun marko Thalys 5 milionojn da pasaĝeroj. Nur dum la jaro 1997 uzis servojn de Thalys proksimume 3 milionoj da personoj.



*TGV nomata "Thalys"*

Malfermo de la nova grandrapida fervoja linio en Belgio de franca landlimo al Bruselo alportis por Thalys pluan plibonigon de oferto priservada. Veturdaŭro el Bruselo ĝis Parizo reduktiĝis al 1 horo 25 minutoj kaj kunligoj de tipo Thalys haltas en pluraj lokoj en Belgio, Nederlando kaj Germanio. Dank'al renovigoj kreskas nombro de la pasaĝeroj eluzantaj fervojan trafikilon inter tiuj ĉi lokoj.

Por komparo -en la jaro 1994 (antaŭ komenco de trafikado de la trajnoj Thalys) la fervoja trafiko partoprenis en suma transporto inter Parizo kaj Bruselo per nuraj 24 %, en la jaro 1997 (post enkonduko de la trajnoj Thalys temis jam pri 43 %. Nura akso Parizo - Bruselo partoprenas je povumo de la sistemo Thalys per 70%.

Laŭ materialoj UIC
preparis Jindrich Tomíšek

# La Ofot-fervojo norde de la arkta cirklo en Norvegio

Ĉi tiu 42 km-ojn longa fervojo inter Narvik kaj la landlimo al Svedio estis dum multaj jaroj la plej norde situanta kaj elektrizita fervojo en la mondo. Ĝi estis finkonstruita la 15an de novembro 1902 por minaĵtransporto de la minejoj en Laplando en norda Svedio al Narvik, kie la minaĵo estis enŝipigita, sed ĝi estas tre fama ankaŭ kiel turisma fervojo.

De Narvik ĝi, post pasado laŭ malvasta valo, en kruta tereno, veturas en la montaro la plej granda parto de la tempo. Tra tranĉejoj kaj tuneloj, laŭ montterasoj kaj sur altaj muroj, ĝi fakte 'kroĉas' sin al la montflankoj.

La norvega stacio Bjørnfjell (Ursomonto) situas je du km-oj de la landlimo, 514 m super la maro - cetere multe vizitata de turistoj - kun bonaj eblecoj por ĉasado, fiŝkaptado kaj skiado. Sur ĉi tiu norda latitudo oni atingas la arbarlimon.

Modernaj sekurecinstalaĵoj ebligas la plej grandan trafikdensecon de la norvegaj unutrakaj fervojoj kun sekura trajnekspedado kun senpersonalaj kruciĝstacioj, kaj la lokomotivoj estas ekipitaj per radiotelefoniaj instalaĵoj.

Odd Kolbrek

# Trajnkoridoro Pekino - Ŝanhajo

En la jaro 2000 oni komencos konstrui ĉinan magistralon Jinghu por grandrapida trafiko inter Pekino kaj Ŝanhajo 1307 km-ojn longa. Oni jam finis studojn de ellaboro inkluzive de originaj projekciaj proponoj de tiu ĉi grandioza konstruaĵo, postulanta investojn en suma valoro de 100 miliardoj da juanoj.

La grandrapida fervojo sur sia liniotraceo havos sume 24 interstaciojn kaj la distanco inter du stacioj meznivele longos 55 km-ojn. La plej gravaj stacioj estos konstruitaj en urboj Tianjin, Jinan, Xuzhou, Bengdu kaj Nanjing.

Altan teknikan nivelon de la trafiko kompareblan kun similaj fervojaj linioj en Francio aŭ Japanio oni atingos per konvena kombino de la importota teknologio kaj sukcesoj de la ĉina trafika esplorado. La dutraka magistralo Jinghu itineros sur teritorio, kiu formas 37,7 % de la suma ekonomia kaj terkultura produktado de la lando. Oni konstruos ĝin por maksimuma rapido de 350 km/h, kvankam komence la permesata rapido estos nur je 300 km/h.

Dum lastaj du jaroj oni akceptis principojn kaj normojn por reloj, pontoj kaj tuneloj kaj sistemon de la regado sur la nova magistralo. Analogaj specifoj por propra linio, signalada kaj telekonunikada sistemoj kaj trajnunuoj estas finpretigataj de la Ĉina Akademio de la Fervojaj Sciencoj. Finaj parametroj kaj difinoj por grand-rapidaj trajnunuoj estis destinitaj nur post finelekto de la eksterlanda partnero fine de 1998.




*Trajnkoridoro Pekino - Ŝanhajo*

La unua etapo supozas rapidan konstruadon de unu aŭ du ne tre longaj linio-partoj, ebligontaj pritaksi oportunecon de la elektita grandrapida teknologio. La fina decido estis akceptita fine de la jaro 1998, oni elektis inter linio-partoj Pekino - Tianjin kaj Ŝanhajo - Nanjing.

Jindrich Tomíšek

****************************************

## Gratulon

La 13an de marto 1999, s-ino Elfreide KRUSE iĝos 85jara. Pro ŝia granda merito en jaro 1980 ŝi estis nomumita honora membro de IFEF.
IFEF gratulas ŝin pro ŝiaj multaj kontribuaĵoj al la fervojista movado.

# Ok Ĉinaj esperantistoj ekmarŝas tra Azio kaj Eŭropo

Je la 9-a de la 1-a de januaro 1999 en la Kontenera ŝipkajo de la havenurbo Lianyungang, la orienta komencpunkto de la Nova Azio-eŭropa Kontinento-Ponto en Ĉinio okazis solena starto-ceremonio.La kuraĝuloj, kunportantaj sur brustoj signojn de Esperanto, kun la verd-stela flago, levante la manojn ĵuris firman decidon pri plenumo de la transjarcenta turisma -Nova Verda Longmarŝo - . Post kiam, 150 geknaboj kunludante marŝ-melodion per trumpetoj kaj tamburoj oferis al la ok kuraĝuloj freŝajn florojn kaj ruĝajn koltukojn. Ili ekmarŝis sub la verd-stela flago.

La ceremonion ĉeestis la gvidantoj de Lianyungang-urba registaro, havena Kompanio, Urba sporta komitato, Eduka komitato, Soci-scienca Ligo, Urba kaj provinca Esperanto-Asocioj.

La karavano transmarŝos 11 000 km-ojn dum 20 monatoj laŭ la Nova Azia-Eŭropa Kontinento-Ponto, Azio - Eŭropa Fervojo trans sep landoj : Ĉinio, Kazaĥio, Rusio, Belorusio, Pollando, Germanio kaj Nederlando ĝis la urbo Roterdamo, la fina okcidentpunkto de la Nova Azia-Eŭropa Kontinent-Ponto. Je la nula horo de la 1-a de januaro 2000 ili atingos la limon de Azio kaj Eŭropo ĉe la Ural - Montaro, en la urbo Jekaterinburg en Rusio. En aŭgusto de la jaro 2000 ili atingos la celitan urbon Roterdamo en Nederlando. La labora lingvo de la karavano estas Esperanto dum la tuta piedira vojaĝo.

La celo de la Verda Longmarŝo estas propagandi nunajn ĉinajn ekonomiajn politikojn "Reformo kaj malfermo", praktiki realigon de Esperanto - Interkompreno - Amikeco - Paco, akceli interfluon kaj kunlaboron inter diverslokaj esperantistoj laŭ la Azia-Eŭropa Kontinento-Ponto en la kulturo kaj ekonomio.

*De HAN Juwu, vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio.*

## Grava agnosko de nia komitatano

La komunuma Konsilantaro de urbo Klosterneuburg, Aŭstrio decidis en sia kunsido la 2-an de oktobro 1998 distingi sinjoron Leopold PATEK, nian komitatanon por Aŭstrio, en omaĝo de liaj meritoj pro la interpopola kompreniĝo per Arĝenta Urbo-Blazono. La transdono okazis dum festkunsido por diversgradaj distingoj la 6-an de novembro 1998. La urbestro, d-ro Gottfried Schuh dum distingo menciis la meritojn de s-ro Patek por Esperanto. Interalie li parolis pri liaj funkcioj en la diversaj Esperanto-Asocioj (ĉefdelegito de UEA por Aŭstrio, komitatano de IFEF, redaktado de Aŭstria Fervojisto, kunlaboro en E-aranĝoj, peranto de gazetoj k.a.). IFEF-estraro kaj komitato aliĝas al la gratulantoj.

Ĉefkomitatano Jindrich Tomíšek

# Pensoj de reĝino Carmen Silva (Rumanio) pri la vivo

La vivo estas arto, en kiu oni restas tre ofte diletanto. Por fariĝi majstro, oni devas verŝi la sangon de sia koro.

* La amemo estas karesema infano, kiu vin tenadas en la vivo, malgraŭ vi.

* La blankaj haroj estas la pintoj de ŝaŭmo, kiuj kovras la maron post ventego.

* La junulinoj trapaŝas kelkafoje la marĉojn per tiel malpeza piedo, ke la koto apenaŭ tuŝetas iliajn kalkanumojn. Nur alvenante al firma tero, ili sentas sin venenigitaj per la putraj miasmoj, kiujn ili kunprenis.

* Oni neniam povas esti laca je la vivo; oni estas nur lacigita je si mem.

* Noktomeze, estas la gajaj homoj, kiuj pasas sur la strato; je la kvara matene estas la malfeliĉuloj; eble, inter noktomezo kaj la kvara horo, la feliĉeco, pasis je flugila rapideco.

* Ĉiu el niaj agoj estas rekompencata aŭ punata, nur ni ne konsentas pri tio.

* Trairante la vivon, oni finas timi eĉ la ĉielon, kiel la lastan kaj plej kruelan elreviĝon.

* Dum la juneco, oni estas kastelo mezepoka kun kaŝitaj anguloj, subteraj malliberejoj, misteraj galerioj, fosoj kaj remparoj. Poste oni fariĝas moderna hotelo riĉa, lakita, eleganta, koketa, kiu estas malfermata nur al la elektituloj, kaj fine, oni sin trovas esti granda halo malfermita al ĉiuj, aŭ bazaro aŭ muzeo aŭ katedralo aŭ tombejo.

* La fasto igas apostolon, la bona manĝado igas diplomaton.

* Kio igas vin ruĝiĝi en la juneco, tio igas vin plori en la matura aĝo, kaj rideti en la maljuneco?

* La boneco de la juneco estas anĝela; la boneco de la maljuneco estas dia.

* Estas boneco, kiu mallogas kaj malboneco kiu altiras.

* La soleca ŝtonego fariĝas pli kaj pli multangula, la marŝtono ĉiam pli kaj ronda.

* Bonega mastrino estas ĉiam kolerega. Ofte oni devas deziri la domon malplibone mastrumata kaj pli paca.

REFA-estraro

**Ĝenerala kunveno de SAEF**

Ĝi okazos sabate la 27-an de marto je la 10.00 horo en la konstruaĵo apud la relo 7, sektoro B de la stacidomo **Olten.**

# Fervojo de la morto rekonstruota

Registaroj de Tajlando kaj Myanmar (pli frue Birmo) dum aŭgusto 1996 anoncis komenciĝon de antaŭ konstruaj laboroj kun la celo renovigi la trafikon sur la fervoja linio kunliganta la ĉefurbojn de la landoj, Bangkoko kaj Ranguno.

La tielnomata 'Fervojo de la morto' estis konstruita fare de militkaptitoj dum la japana okupacio en la jaroj 1942-1943 kaj dum ĝia konstruado tie ĉi pli ol 116 mil homoj trovis la morton. La dum militbataloj konsiderinde difektita fervojo estis poste en la jaro 1946 malmuntita fare de la Aliancanoj.

La fervoja linio 418 km longa fariĝis unu el la prioritataj konstruaĵoj en plano de La Asocio de Nacioj de la Sud-orienta Azio (ASEAN), por konstrui vastan fervojan reton en tiu ĉi mondparto. Oni laŭ la plano krom alia intencas konstrui kelkajn fervojajn liniojn en Laoso (lando ĝis nun sen fervoja trafiko).

Krom mallonga linioparto apud la landlimoj, superakvigita per konstruita riverbaraĵo Khao Laem, relvojaj talusoj de la malnova linio plejparte restis konservitaj. La iama linio en la urbo Ban Pong forlasas la sudan linion de la tajlandaj fervojoj kaj itineras per okcidenta direkto tra Kachanaburi al Nam Tok. Tiu ĉi linioparto 128 km longa, estas ĝis nun ekspluatata kaj itineras krom alia sur ponto super la rivero Kwai, scenejo de unu el la plej famaj militromanoj. El Nam Tok la linio plu itineros per okcidenta direkto tra la landlima montpasejo Tri Pagodoj kaj apud la urbo Thanbyuzayat ĝi kunligos kun la fervoja linio Maulamyaing-Ye de la Myanmara fervoja kompanio.

Jindrich Tomíšek

**Deziras korespondi :** Tutmonde kun fervojistoj, specialistoj pri lokomotivoj.

Alexandr MOSKOW KARAPETKOW
Ul Petro R Slabekob n°14
Rousse 7 002 post 2 Bulgario

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1999.2
51a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto :**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Danapoŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banagårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per posĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa posĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270